Esperanto servu la pacon!

# A K T U A L E

Monata informilo de Sovetia Esperantista Junulara Movado

N°4(31) Aprilo 1976

## ZORGI NIAJN KANTOJN

Ni jam kutime multe parolas pri necese plialtigi la nivelon de informado pri Esperanto por neesperantistoj. Sed zorgante pri la "ekstera" nivelo, ĉu ni ne devas unuavice zorgi pri la "interna"?

La kultura-nivelo de esperantistoj konsistas el multaj eroj. La plimulto el ili samtempe estas eroj de la ĝenerala, ĉiuhoma kultura nivelo. Sed ekzistas ankaŭ specifaj esperantistaj eroj. Unu kaj tre grava el ili estas Esperantaj kantoj.

Do, kion ni kantas? Niaj kantoj estas de du tipoj: originalaj kaj tradukitaj. Bedaŭrinde la duaj plimultas, do ni rigardu komence ilin. Ĉu ekzistas ĉe ni korekte tradukitaj kantoj? Praktike ne! Preskaŭ ĉio, kion ni kutime kantas, estas fantazio ĉirkaŭ tedegaj temoj "arbar'-tendar'", "ondoj-mondoj-amikaj rondoj" ktp. Por tiuj sensencaj rimplektoj oni ne ĝuste uzas pli malpli popularajn melodiojn, ne donante al si laboron pripensi, ĉu la melodio de kanto estas inda, aŭ eĉ por videble neinda teksto. Tiel aperadas "kreaĵoj" kiel "akvar',akvar' - ne vagonar'", "ne, ne, ne" kaj multegaj aliaj, kun primitivaj melodioj kaj vortoj. Kaj ne estas praviga, ke tiuj kantoj estas popularaj kaj ŝatataj en la medio de esperantistoj. Tio atestas ne pli la bonecon de la kantoj, sed pri nia terure malalta nivelo en tiu ĉi sfero. Kaj bone estus almenaŭ, se la "kreantoj" prenu por "traduki" sensencajn kantojn. Tiel kanto de "Beatles" "Ob-la-di, ob-la-da", kie temas pri sentimentala familio de senzorga laboristo kaj drinkeja kantistino, subite transformiĝis en strangan rakonton pri obstinulo, kiu deziris fariĝi kapitano. Pli ofte, bedaŭrinde, okazas pli malbone. La trista negra romanco el "Kabano de onklo Tom" fariĝis stulta kanzono pri viaj "arbar'-tendar'". Kaj tute abomena ekzemplo: usona kanto pri popola heroo John Brown - "Glori" - kiun la forpasinta Paul Robeson plentuadis malgraŭ oficiala malpermeso, transformiĝis en stultan historion el alimonda vivo: pri dioj, diabloj, ludantaj kartojn kaj malĉasta sanktulo. Tiel estis krude neglektitaj la plej sanktaj tradicioj de revolucia batalo de la usona laborista klaso.

Tiaj ekzemploj abundas. Certe, oni povas diri: "Ni ne sciis". Sed tio estas duobla kulpo. Kiom bone esperantigi esperantisto devas antaŭe ekscii ĉion eblan pri la tradukata kanto. Kantoj devas ne nur amuzi nin, ili devas instrui nin kompreni bonan muzikon, kompreni veran kantan poezion. Sed pri kio nin povas instrui "Revis mi pri forir'"? La saman bildon estas kun originalaj kantoj. Nia ĉefa kantverkistino Nina Lukjanec, certe, kreis multe da bonaj kantoj laŭmuzike kaj laŭvorte. Sed la plimulto el ili, bedaŭrinde, estas malaj.

El ĉio ĉi elfluas nur unu konkludo: la Kanto fako devas okupiĝi ne pri kolektado de metioj, kesto fuŝitaj kanzonoj, sed pri elekto de la plej indaj kantoj el la jam estantaj, pri rekomendo de la plej taŭgaj por tradukoj kantoj kaj, ĝenerale, pri direktado de kantoagado de la soveta esperantistaro. Tial la estraron de la fako devas eniri nepre homoj, bone sentantaj poezion, muzikon, nivelon de kantoj, homoj ŝatantaj ne nur kanti, sed la kantojn mem. Kun la fako devas kunlabori ne hazardaj rimplektuloj, sed spertaj,

bonaj tradukistoj de poezio. En la fako devas esti ankaŭ historia grupo, kiu devas esploradi la historion de la kantoj.

Kaj ankoraŭ unu flanko de la problemo. Ni ege priŝtelas nin, tute neglektante klasikajn kantajn. Sed kantoj de Bethoven, Grig, Ŝopen, romancoj de Glinka, Aljabjev, Borodin estas multe pli valoraj ol ĉiuj niaj "ondoj-rondoj" kune prenitaj. La "Ĉetabla" de Bethoven estas ne malpli gaja ol "Ĉiuj kune nun", kaj romancoj de Glinka estas ne malpli lirikaj ol la "Tendara adiaŭo".

Ni ne skribas la kutiman frazon "Venis tempo por plialtigi la nivelon de niaj kantoj". Ne! Tiu tempo estas ĉiam! Venis tempo korekti niajn erarojn! Ni devas sen vana domaĝo forigi senvalorajn kantajn metiaĵojn kaj enigi en nian medion vere talentajn, valorajn verkojn. Kaj ne halti! Ni devas konstante zorgi niajn kantojn!

Ju. Muraŝkovskij (Ĥarkov).

## ATINGOJ DE LA "SCIENC-FIKCIA GRUPO"

Denove mi devas reveni al la scienc-fikcio. La rezultoj de preskaŭ dujara laboro estas, laŭ mi, tre nekonsolaj. Foj-de-fojo al mi ŝajnas, ke entute krom mi kaj geufanoj (precipe Gvilenova) neniu interesiĝas pri tiu laboro, kaj neniu deziras labori. Ankaŭ iujn penojn oni povas rimarki ĉe Gakalenko (Tiĥvin). Aliuj eĉ eksilentis post ricevo de tasko, aŭ eĉ pli strange sin tenas. Printempe mi donis al k-do Regov dufolian rakonteton por traduko. Dum pli ol duonjaron mi nenion aŭdis pri ĝia sorto. Post miaj "ploraj petoj" k-do respondis finfine, ke veturante en trajno li decidis, ke la rakonton traduki ne indas! Aŭtune mi ricevis tiun ĉi respondon (sen la rakonto mem) kaj promeson, ke baldaŭ li sendos al mi la rakonton. Finiĝas vintro... (La artikolo venis meze de februaro. - Red.). Komentoj estas superfluaj.

Ni ankaŭ planas eldonon de niaj rakontoj. Antaŭ ĉiu rakonto devas esti opinio de la aŭtoro pri Esperanto, internacia lingvo ktp. Komprenante, ke ili povas ne scii ĝuste pri Esperanto mem, mi, en tiutema korespondado kun la verkistoj, petis ilian opinion pri la ideo de internacia helplingvo (se ne pri Esperanto). Jen estas iliaj respondoj.

G.Altov (interalie, aŭtoro de metodiko pri inventado kaj teorio de sistema pensado): "Por la homaro la internacia lingvo estas tasko numero 1, la sistema pensado - numero 2. Sed kial do ne la angla? Cetere, tio estas interesa demando!"

V.Kolupajev - "Ekzisto kaj disvastiĝo en la mondo de internacia lingvo ŝajnas al mi utila kaj eĉ bezonata fenomeno. Nu, kaj la perspektivoj de Esperanto, evidente, estas senlimaj (dume en kadro de la Terglobo)."

D.Bilenkin - "Mi ne kredas en la estontecon de Esperanto! Tamen ĝi ekzistas kaj agas. Ni devas tion ĉi konsideri kaj eluzi."

S.Gansovskij - "...Mi ne riskas esprimadi pro tuta nescio de la objekto."

G.Gor - "En la propono mem estas io utopia, sed mi, kiel scienc-fikciisto ne estas fremda al utopioj, ankaŭ Esperanto, kiun mia forpasinta kuzo lernis ankoraŭ en la 1918-a jaro (estinte certa, ke baldaŭ tiu ĉi lingvo kunligos ĉiujn homojn en jam delonge serĉatan lingvan unuecon. Tamen tio ĉi ne fariĝis pli reala en la 1975 jaro ol en la 1918-a)."

J.Rosoĥovatskij - "Kvankam mi opinias, ke la mondo, evidente, finfine irasi al unueca lingvo, apenaŭ tiu lingvo estos Esperanto. Plej verŝajne, ke la bazo de la unueca lingvo fariĝos la lingvo de la plej influa lando. Sed kiel ilo de alproksimiĝo, pli bona interkompreno de homoj kaj popoloj, levilo, helpanta al internaciaj kontaktoj kaj ligoj, Esperanto, sendube, faras sian bonan kaj utilan aferon."

Ju.Nikitin - "La ideo de Esperanto estas ĝuste por scienc-fikciisto. La homa genro - "homo sapiens" - devas havi komunan lingvon. Eĉ mi tiu lingvo fariĝos unu el la ekzistantaj naturaj, kvankam pli bone estus Esperanto."

A.Strugackij - "... A-a, mi aŭdis pri esperantistoj! Ili, ŝajnas, ian revuon eldonas. Bona afero. Certe, ĉiu okupiĝas pri tio, pri kio deziras..."

G.Gureviĉ - "Tutmonda lingvo estas necesa kaj tutmonda lingvo estos... Ĉu fariĝos Esperanto tutmonda lingvo? Unuavice tio dependas de esperantistoj. Se ili (vi) ekpovos fari Esperanton la plej bezonata lingvo por fakuloj, se bibliotekoj de Esperanto estos la plej riĉaj, se al sciencisto, konstruanto, diplomato kaj eĉ aferulo por la afero necesos antaŭ ĉio konatiĝi kun literaraturo en Esperanto, tiu ĉi lingvo fariĝos tutmonda."

V.Ŝevĉenko - "Rilaton al Esperanto mi havas sindetenan."

V.Berejnyj - "Ĉio, kio helpas al unuiĝo, interkompreno de diversaj homoj - vivu kaj evoluu!"

Kiel vi vidas, opinioj estas plej diversaj. Tamen en preskaŭ ĉiuj estas racia semo.

Tiel aŭ alie!-ni devas labori. Ĉio dependas de ni, kiel diras G.Gureviĉ. Do, mi atendas novajn efektivajn dezirantojn, entuziastojn de scienca fikcio. Kaj, kiel al ni skribis V.Berejnyj :"Bonguston por vi tradukista peno!"

Ju.Mureŝkovskij (Ĥarkov).

## INTERURBA E-KLUBO ESTAS FONDITA

La griza realeco montris, ke la unuopaj finintoj de diverslokaj korespondaj kursoj de Esperanto, se ili ne havas eblon renkontiĝi aŭ aliamaniere renkontiĝi kun aliaj samlingvanoj, baldaŭ forgesos la malfacile akiritajn bazajn lingvosciojn kaj perdas intereson pri la Lingvo Internacia.

La instruistojn de Esperanto turmentis la konscio, ke, jen ili edukas novajn adeptojn de Esperanto, kiuj - ve! - forfalas de la organizita Esperanto-movado preskaŭ tuj post la fino de la kurso.

Tia estis la situacio antaŭ unu jaro ankaŭ ĉe la koresponda E-kurso, kiun gvidas B.G.Kolker (450025 Ufa-25, abon.k. 162). Tamen, kiel la germanoj diras, "Hilf uns Gott aus aller Not". Al la kursgvidanto venis ideo enklubigadi la finintojn de la koresponda kurso kaj tiamaniere ebligi al ili resti en la vico de la organizita E-movado. La enklubigotaj kursfinintoj povus plu perfektiĝi en la lingvo.

Tiel laŭ iniciato de B.G.Kolker, la 15-an de majo 1975 estis fondita la interurba E-klubo "Antaŭen". Membriĝi al la klubo havas rajton nur personoj, kiuj bone finis korespondan kurson kaj pretas aktivi en la E-movado. La estraro de la klubo konsistas el tri personoj: prezidanto, kiu gvidas la kluban agadon, decidas pri la plej metodologiaj demandoj kaj reprezentas la klubon antaŭ la eksteraj instancoj; sekretario, kiu faras la ĝeneralan organizan laboron, korespondas kun la klubanoj pri ĉiuj demandoj, akceptas membrokotizojn (unu rublon por jaro), ideojn kaj proponojn, distribuas la kluban tajpitan gazeton "Lumo Verda", kiu aperas ĉiumonate; redaktoro, respondeca pri la eldonado de la gazeto. La adreso de la klubo estas tiu de ĝia prezidanto B.G.Kolker.

Hodiaŭ la anaro de la klubo nombras ĉ. 40 personoj kaj konstante kreskas. Ĉar la kursinstruisto kaj la kluboprezidanto estas la sama persono, tiu persono havas bonegan eblon celkonscie eduki la aliĝontojn al la klubo. Kaj la kursanoj vidas brilan, allogan perspektivon antaŭ si.

Fakte, la klubo "Antaŭen" estas tutlanda organizaĵeto, ĉar ĝiaj membroj loĝas en pli ol 20 lokoj de nia landego, de Ukrainio ĝis Kamĉatka. Ĉar ekzistas malfacilaĵoj pri multobligado de la kluba gazeto "LV", dume samlokaj "Antaŭen"-anoj ricevas unu ekzempleron de la gazeto, kiu tiam cirkulas en la loka grupeto.

Enkadre de la klubo troveblas propraj aŭtoroj, kiuj verkas prozaĵojn kaj poeziaĵojn, oni volonte kontribuas materialojn por la gazrto "LV". Okazas vigla korespondado inter la geanoj.

Generale oni pravas konstati, ke la fondo kaj agado de la interurba E-klubo "Antaŭen" kronis sin per plena sukceso. La sekreto de tiu sukceso kuŝas en tio, ke oni plene uzadas la solidarigan funkcion de nia lingvo. Oni konsideru, ke la nura fakto de interesiĝo pri E-o atestas sufiĉe altan kulturan nivelon aŭ almenaŭ kulturajn bezonojn de la homo. Do la membroj de ĉia E-societo estas ne nure samideanoj, sed iugrade ankaŭ samkulturanoj.

Pluraj pensuloj en la E-movado ekvidis la ideon, ke nia lingvo kontraŭe al multnobraj lingvoprojektoj, pruviĝis vivkapabla kaj gajnas pli kaj pli rekonon (agnaskon) en diversaj sociaj rondoj tra la mondo, ne sole pro ĝia supereco en pure lingvaj rilatoj, sed precipe pro la grava fakto, ke nia lingvo sukcesas kreskigi sian propran "verdan" popolon, kiu estas organizita unuoplande kaj internacie. Apogita sur tiun firman socian bazon, nia lingvo certigas al si pluajn venkojn. La fondo de la interurba klubo "Antaŭen" estas paŝo ĝuste en tiu direkto.

La legantaro de "Aktuale" dume preskaŭ ne konas "Antaŭen"-anojn. Tamen, espereble, baldaŭ estos konataj inter nialanda aktivularo tiaj personoj kiel N.Dolganova (Sizranj), T.Kravĉinskaja(Dimitrovgrad), V.Zaŭvatkin (Krasnojarska reg.), V.Kuzmin (Velikie Luki), A.Gamzikov (Angarsk), I.Taskina (Krasnojarsk), N.Levickij (Luck), I.Butaŭ (Novosibirsk), G.Maŝkin (Magnitogorsk) kaj aliuj.

S.Galkin (Kerĉ),
redaktoro de "Lumo Verda".

## "NE TIEL, SED TIEL ĈI"

(kelkaj precizigoj pri la ekesto de la socialisma konkurado)

La artikolo de M.Bronŝtejn "Skize pri SEJM", ĝenerale tre fundamenta kaj valora, enhavas faktajn erarojn, pri kiuj mi deziras atentigi la legantojn. Laŭ la aŭtoro, ĝis 1971 SEJM havis nek Taksan demandaron, nek sekretarion, kio certe ne estas vera. En la tekston estas metita korekto de A.Gonĉarov, sed ankaŭ ĝi ne estas tute ĝusta kaj mem postulas korekton. Kiel tamen efektive komenciĝis la socialisma konkurado?

En 1969 en Karpatio estis voĉdone elektita la plej aktiva E-klubo (nur unu, sed ne tri), La voĉdonado estis tute ne unuanima, kaj tio evidentigis necesa ellabori pli objektivan kriterion. Pri ĝi okupiĝis A.Vizgirdas, la unua sekretario de SEJM, elektita same en Karpatio. Al la sekva Seminario(Konferenco) li ellaboris Taksan demandaron, kiu permesis visigi aktivecon de la kluboj laŭ iliaj enketo-raportoj, do tio okazis jam en 1970, sed ne en 1971. Laŭ poentoj la unuan lokon gajnis la sama klubo, kiu jaron pli frue estis distingita per voĉdonado - tiu de Ufa. Tio montris principan taŭgecon de la proponita sistemo, kaj ĝi estis akceptita. En la sekva Konferenco ĝi estis pli perfektigita.

Mi certe ne pretendas, ke mis memoro estas pli preciza ol tiu de M.Bronŝtejn aŭ A.Gonĉarov, sed tiuj ĉi notoj estas bazitaj ne nur sur la rememoroj, sed ankaŭ sur miaj kajeroj de la 3-a, 4-a kaj 5-a Seminarioj (Konferencoj), en kiuj mi notis ĉion sufiĉe detale.

V.Arolviĉ (Moskvo).

JUNULARA ESPERANTOSKONGRESO "NEĜFLOKETO-76"

En la plej pitoreska anguleto de Latvio ĉe la rivero Amata la 6-8 de marto kolektiĝis nia junularo por festi sian Junularan E-kongreson "NEĜFLOKETO-76". Gastoj el Moskvo kaj regionaj urboj: Leningrado, Tallinn, Vilnius, Kaŭnas, Kapsukas, Jaunauce, Karli, Riga povis ĝui la ĝangalon, vere mirindan naturon de Latva Nacia Parko "Gauja". Ni ekskursis al digo, suprengrimpis al frostiĝintaj - akvofaloj ... Vespere iomete lacaj, sed pretaj danci tutan nokton, la gastoj regaliĝis ĉe latvaj naciaj menuoj. Dum la konatiĝa vespero oni kantis, dancis kaj eĉ laboris, ĉar ni mem zorgis, ke estu lignaĵo, freŝa kafo kaj teo en sufiĉa kvanto.

Nia konferenceto estis enkondukita per interesa, necesa kaj tre bonkvalita prelego de A.Ĥarkovskij "Historio de Esperanto-movado en Sovetunio". Komparante historiajn eventojn kun la nuna stato de nia Movado, ĉiuj delegitoj raportis pri la laboro surloke, skizis plej bonajn siajn aktivecojn. Oni devas rimarki, ke la Konferenceto okazis ne nur dum la 7 de marto, sed ĉiuj tri tagoj estis eluzitaj por primovadaj paroloj. La Unua E-karnavalo de 1976 jaro komenciĝis tuj post la oficiala parto de la Konferenco. Belartaj prezentoj, kantado, rokenrola maratono, ludoj kaj konkursoj, eĉ plurparta loterio mozaike ŝanĝiĝis, ne donante eblecon eĉ por momento enui.

Tage, kiam oni preparis aĵojn por la "komuna sitelo" (manĝado ĉe komuna tablo), estis organizita por interesitoj vetkuro, radialaj ekskursoj, instruado de novaj kantoj kaj aparte trovis lokon instruistoj kaj kursgvidantoj.

Jen la horloĝo montras la unuan minuton de la Virina Tago - viroj solene gratulas kongresaninojn, donacante memoran libron kun aŭtografoj de ĉiuj viroj kaj nacie faritan ĉenon kun ligna memormedalo, karaktera nur por "Neĝfloketo-76". La kongreson ni finis per ekskursa konatiĝo al pitoreska kaj tre fama urbo Cesis - ruinoj de mezepoka kastelo, parkoj kaj kafejoj kun specifikaj kukoj. Ĝisrevidis ni per kantoj sur la perono. En ĉies koro restis hela rememoroj pri belaj tagoj en Neĝfloketa Esperantio.

Ĉefaj priparolitaj temoj de la Neĝfloketa konferenco

1. Laboro de Esperanto-Universitato en Riga.
2. Sperto de instruado en lernejoj.
3. Kalendaro de E-renkontiĝoj.
4. Kluba interna vivo.
5. Metodikaj konsiloj al gvidantoj de korespondaj kursoj.
6. Interŝanĝo de sperto en rondeta agado.
7. Historio de E-movado en Sovetunio.
8. Interparolo pri historio de SEJM.
9. Literatura kaj traduka agado: Poezia konkurso "PARNASO-76" kaj tradukista konkurso "Kantu Esperante".
10. Estis proponite fondi novan fakon en SEJM, kiu kolektos diverstemajn prelegojn (tajpitajn aŭ surbendigitajn; Riga jam havas pri E-literaturo kaj E-historio tajpitajn kaj du surbendigitajn), ke ĉiu klubo poste povu ilin eluzi en sia laboro, ĉu por prepariĝi por supera ekzameno aŭ simple por legado dum kunvenoj aŭ dum Someraj Universitatoj.

A.Medinŝ (Riga)

NOVA EVENTO EN KRASNOJARSK

Kiel jam scias la soveta esperantistaro en Krasnojarsk aktivas nova esperantista grupo, ligita kun la urba komitato de komsomolo. La gorkomo de VLKSM la 24-an de novembro konfirmis la grupon kiel

urban esperantistan klubon. Ankoraŭ unu renkontiĝo de la klubo estraro kun buroo de la gorkomo okazis la 26-an de marto 1976-a jaro. Membroj de la gorkomo favore rilatis al la klubaj gvidantoj. La sekretario de la komitato deklaris, ke post longaj diskutoj gorkomanoj decidis, ke la klubo estas bezonata kaj utila afero kaj oni devas subteni esperantistojn en la urbo. Li ankaŭ diris, ke dum la organiza periodo al la klubo aliĝis multnombre junularo kaj tiu ĉi fakto ankaŭ parolas pri la utilo de Esperanto. La sekretario indikis necesan de helpo al la nova juna klubo flanke de lokaj komsomolaj instancoj. Estas interesa fakto: dum la oktobra kunsido de la buroo, kiam konfirmo de la klubo fiaskis pro miskompreno inter ambaŭ flankoj, tiam preskaŭ ĉiuj gorkomanoj sufiĉe negative rilatis al la ideo. Sed dum la marta kunsido ĉiuj ili estis subtenantoj de la klubo kaj kun intereso demandis pri Esperanto, eĉ ekdeziris aŭskulti "vivan E-parolon", kiam mi volonte prezentis...

Dum la lasta kunsido de la buroo estis konfirmitaj la klubaj statuto kaj Estraro, konsistanta el 8 personoj. Prezidanto de la klubo estas V.Sapoĵnikov kaj sekretariino - G.Kanaeva. Nun en la klubo estas 27 membroj kaj ĉ.70 kandidatoj (tiuj, kiuj studas Esperanton en kursoj kaj rondetoj).

Resume: en Krasnojarsk la movado progresas. Sed en via urbo? Ĉu vi ĉion faras por oficialigi nian movadon almenaŭ loka-skale?

V.Sapoĵnikov (Krasnojarsk).

## I N F O R M O J * A N O N C O J * P E T O J * S C I I G O J

### NOVAJ SUBTENANTOJ DE SEJM

Aldonu en la Sekretarian Libron:

52. HAJDRAĤMANOVA N. - 423530 TASSR Naberejĵnije Ĉelny, pr. Musy Dĵalilja, 50/59.
53. BEREZIN G. - 343100 KRASNOARMEJSK Doneckoj obl., pr. Leninskij, 27-8.
54. ŜIŜKO V.P. - 220086 MINSK, Slavinskogo, 17-81.
55. KIVAEV J.P. - 424000 MASSR JOŜKAR-OLA, ab/ja 50.
56. DAGIS J.K. - 232000 VILNIUS, pl. Lenina, 9-16, Litova SSR.
57. TAMOŜIUNAS J. - 232000 VILNIUS, ab/ja 34, Litova SSR.
58. ŜKLIAREK B.P. - 220100 MINSK, B.Ĥmelnickogo, 51-128.
59. JUDICKIENE A. - 232044 VILNIUS-44, Karoliniŝkiu, 24-93, Litovio.
60. ZISKANDOVIĈ M.A. - 630087 NOVOSIBIRSK-87, ab/ja 35.

Korektu en la Sekretaria Libro:
Subtenantoj: 38. Esperanto grupo de Satka - 456910 SATKA-3 Ĉeljabinskoj obl, Metallurgov, 35-64. (Ne individua, sed kolektiva subtenanto.)

Faizova F.Ĥ.

[illegible] ...
KA,MA: 115519 Moskva, Krasnogo Majaka, 8-2-107.

P.Jegorova, sekretario de SEJM.

* * *   * * *   * * *

KUJBIŜEV

Februare okazis raportkunveno de la E-klubo, funkcianta ĉe Urba Junulara Klubo. La ĉefaj rezultoj de la kunveno:
- estis elektita Agenta Komitato, kies prezidanto kaj vicprezidanto respektive estas N.Ovĉinnikov kaj G.Kucovskij;
- la klubo estas nomita "VELO" (Vivu Esperanto - la Lingvo de Optimistoj!);

En marto la klubo eldonis la unuan numeron de E-murgazeto, en kiu unu kolumno estas rulingva kun propaganda celo. Ĉe la klubo funkcias elementa kurso (12 personoj), gvidata de Z.Skvorcova kaj N.Ovĉinnikov.

Kujbiŝevaj infanoj pro partopreno en la internacia ekspozicio de infandesegnaĵoj, organizita de hispanaj esperantistoj en Barcelono, ricevis 32 medalojn.

N.Ovĉinnikov (Kujbiŝev).

* * *  * * *  * * *

MIASS

La 29-an de marto en la klubo okazis prelego je temo "La partio estas la racio, honoro kaj konscienco de nia epoko". Prelegis Esperanto T.A.Koptjegina.

La 4-an de aprilo okazis renkontiĝo kun delegito de la XXV-a kongreso de KPSU Bogomolova L.A.

T.Koptjegina, sekretariino de la Miassa E-klubo.

* * *  * * *  * * *

SIZRANJ

La 20-21 de marto en Kujbiŝev en la ejo de la junulara E-klubo okazis interurba renkontiĝo de E-istoj el Sizranj kaj Kujbiŝev. En la programo estis salutparoloj, sportointerŝanĝo ankaŭ distraj programeroj. La renkontiĝon partoprenis ankaŭ komencantoj. La partoprenantoj decidis fari la renkontiĝon tradicia.

L.Vesjolova (Sizranj).

* * *  * * *  * * *

Atenton!

Lernu Esperanton ludante. Por variigi la programojn de kunvenoj kaj kursoj uzu la kartaron "Internacia frazludo". Ĝi enhavas 300 zamenhofajn proverbojn, multajn interesajn demandojn kaj respondojn, kiuj obligas ŝercan interbabiladon. La ludkarto estas havebla laŭ la adreso: 232000 Vilnius, abon.d. 149, Esperanto-klubo, Nekis A.J. Unu ekzemplero kostas 1 rb. enkalkulante poŝtelspezojn. Por respondo almetu poŝtmarkon kaj koverton kun via rea adreso.

* * *  * * *  * * *

Eble ne ĉiuj esperantistoj scias, ke en la revuo "Filatelija SSSR" №2, 1976 estas presita mirinda vinjeto poŝtmarko, kies temo estas tute Esperanta. La marko montras portreton de L.Zamenhof kaj tekstojn: supran - "Esperanto - lingvo internacia", suban - "Lernu Esperanton - la sole praktikan lingvon internacian."

La aŭtoro de la artikolo, al kiu rilatas la supremenciita marko, k-do B.Kisin tradukis la slvokon kaj faris ĝin bone rimarkebla. (Изучайте международн. язык Эсперанто!)

Sendube, tiu ĉi favora fakto por Esperanto de la revua redakcio meritas vere grandan atenton.

Ju.Kivaev (Joŝkar-Ola).

* * *  * * *  * * *

SINCERAN DANKON

al ĉiuj gesamideanoj, kiuj gratulis min okaze de la kandidata diserto. Koran dankon ankaŭ pro pluraj bondeziroj lige kun mia 30-jariĝo.

V.Aroloviĉ, prezidanto de SEJM.

## D E Z I R A S  K O R E S P O N D I

POLLANDO

S-ino Palka Roza, 40-415 Katovice, str. Miszurina 53 m 1 (30-jara fraŭlino, instruistino, komencantino).

S-ano Piotr Kolodziej, 44-100 Gliwice, str. ZWM 18 m 2 (28-jara malnova esperantisto).

S-ino

S-anino Teodozja Nowak, str. Wiosnu ludow 25 m 93, 40-374 Katowice-14 (30-jara komencanto).

S-ano Ryszard Wojcicki, str. Chorzowska 8/3, 41-902 Bytom.

S-ano Slawomir Nowak, str. Wiosny ludow 25 m 93, 40-374 Katowice-14 (17-jara lernanto, fotoamatoro).

S-ano Stefan Kondys, 43-100 Tychy, str. Zwakowska 9 m 66, Osiedle - "H",woj. Katowice(25-jara esperantisto).

S-ino Maria-Jolanta Kazibutowska, str. Cuganerii 31 m 16, 43-100 Tychy, woj. Katowice (25-jara studentino).

S-ano Jerzy Gorkiewicz, str.B.Bieruta 108 b/7, 41-902 (22-jara komencanto).

S-ano Jerszy Simka, 40-652 Katowice str. Br. Wiechulow 21 (25-jara studento).

Volas korespondi membroj de : INVALIDA ESPERANTO-KLUBO, Zwiazek inwalidow i rencistow 41-902 Butom str. Piekarska 5.

F-ino Erika Budai, str. Sobavilor blok L, ap. 3, 3400 Cluj-Napoca, Rumanio (19-jara).

S-ro Michel Franguel, 6 rue du Buis, La Resevaie, F-49000 Angers, Francio(amatora astronomo, 16-jara).

S-ro Frank Meyer, Rue st. Georges 8, B-1050 Bruxelles, Belgio (20-jara studento).

S.Neilande, estrino de la Korespondafako.

Korespondi deziras:

1. Instruisto Albu Stefan, Bulevard Republicii No 28, 45000 Năsăud jud. Bistrita - N ROMANIA

kaj laŭ la sama adreso - liaj gelernantoj:

2. Câtuna Vionel - 16-jara;
3. Dorel Olteanu -lernanto;
4. Dorina Olteanu - 15-jara knabino kaj ŝia fratino;
5. Carmen Olteanu - 10-jara;
6. Monikca Lepuresn - 17-jara, Bul. Republicii 30, 4500 Năsăud, jud. Bistrita;- N;
7. Susana Pop. loc. Bretea Nº 55 of.post. Sintereag, Năsăud, jud. Bistrita, RUMANIA.

Sendis A.Rogov (Ĥmelnickij).

INFORMA FOLIETO DE LA SCIENC-TEKNIKA FAKO DE SEJM

N°4(6) Aprilo 1976

## SCIENCA INFORMO – PLEJ PERSPEKTIVA KANALO

Nun, kiam vastiĝas apliko de Esperanto far neesperantistoj, necesas analizi kaj pritrakti eventuale plej perspektivan kanalon de la evoluci-fluo de la lingvo internacia (IL), por koncentri la laboron de nemultaj fortoj de entuziastoj.

La plej perspektiva grundo, plej bezonata branĉo kaj plej perspektiva sfero por apliko de IL – estas sfero de scienco. Kaj en la scienco – aŭ pli larĝe: scienco kaj tekniko – logike la plej grava sektoro estas informado pri lastaj kaj modernaj eltrovoj, atingoj, eksperimentoj en diversaj scienc-teknikaj fakoj.

Sekve la logiko de la evoluo altrudas per si mem la konkludon ke jam necesas enigi la IL en la sferon de scienc-teknika informado. Sed kiel tion fari pli rapide?

Necesas en unu el lokoj, aŭ se eblos en kelkaj, krei organizon (respektive organizojn) por scienc-teknika informado. Aŭ ĉe la Scienca Revuo, kaj sekve ĉe ISAE, aŭ sendepende en lando kie montriĝos la ebleco. Aŭ eble en ĉiuj ĉi lokoj samtempe, kun koncentro de ĉiuj branĉoj de scienco en unu loko aŭ certamaniera distribuo de la temoj (diversajn temojn en diversajn landojn).

La formo de la laboro povas esti jena. Oni altiras eruditajn homojn el plej diversaj landoj (laŭ ellaborota listo de la fakoj) kaj komisias al ili – komence senpage, sed poste kun pago – sendi regule resumojn de artikoloj publikitaj el sfero de ilia specialeco, kun indiko de la plej gravaj donoj (kiel ekzemple en konataj "Bibliografiaj indeksoj").

La centro ĉion kunmetas laŭ ĉapitroj (laŭ la branĉoj) laŭ difinota principo. Oni povas la foliojn aldonadi kiel suplementojn al ekzistanta presorgano. Komenca etapo estos pena kaj malrapida pro manko de homoj kaj de financaj rimedoj. Sed tiaspeca literaturo en nuna mondo postulas tion kaj ne estus vana persista laboro de entuziastoj. Sed ili ja tutegale ion faras entuziasme – do ili faru la plej efektivan laboron!

Por unua tempo oni povas la laboron dividi laŭ tre vastaj sektoroj. Ekzemple sub la biologia ŝildo eblas ampleksigi ankaŭ medicinon, terkulturadon kaj defendon de la ĉirkaŭa medio ktp.

La provnumeroj de tiaj folioj devas esti dissendataj al ĉiuj institucioj por scienc-teknika informado. Sed poste oni sendu ilin nur kontraŭ la abonpago. Ankaŭ pro tio la komenca stadio povas esti tre modesta. Oni devas komence nepre kalkuli kun sciencistoj-esperantistoj, ĉar se ili jam sekvas la literaturajn novaĵojn – estos negranda peno priskribi en kelkaj linioj tion kion li jam legas pro siaj profesiaj celoj.

Eble estus eĉ celkonforme krei Internacian Asocion por Scienc-Teknika Informado (IASTI), kiu devus kunlabori kun ĉiuj – esperantistaj kaj neesperantistaj inform-institucioj.

La komenca laboro jam tuj ekpostulos instalon de esperantistoj-tradukistoj en diversaj ĝeneroj de scienc-teknika inform-servo en larĝa senco. La neceso de la instalo de la reto de tiu tradukistoj estas jam plurfoje substrekita en kaj ekster ISAE.

Estas bezonata mencii ĉi tie ke ne la Lingvoscienca Instituto de Sovetunio (en la Akademio de Sciencoj) estas jam kreita "Problema grupo por demandoj de help-lingvo por internaciaj kontaktoj". Sed ĉiuj teoriaj studoj de tiu kaj similaj alilandaj grupoj de diversaj lingvosciencaj korpoj – tuje ekpostulos ekziston de la ajn grundo de praktika evoluo kaj eluzo de la studoj. La plej proksima kampo por tio estas sendube la sfero de scienc-teknika informado. Kaj do ankaŭ tiucele utilus streĉi la fortojn (unuigi kaj laborigi

la ekzistantajn fortojn) por montri la eblecon de la praktika uzado de la IL.

N.Danovskij (Moskvo)

(represita el Bulteno de ISAE N-ro 41, V-75j.)

## ESPERANTON POR MODERNA SCIENC-TEKNIKA INFORMADO

Scienc-teknika informado pasas laŭ jenaj direktoj: scienc-teknikaj publikaĵoj (amase), scienc-teknikaj konferencoj (pliofte iĝas), scienc-teknika korespondado (dume tre malofte). Estas klare, ke Esperanto devus penetri ĉiun direkton de la scienc-teknika informado. Tamen pro nia dume malforto ni devas pli penetri en la plej perspektivan direkton de scienc-teknika informado.

En komenco de disvolviĝo de la scienco, scienco-branĉoj estis nur kelkaj, sciencistoj estis preskaŭ solulaj, ĉiu en sia lando. La sola vojo de scienc-teknika informado estis personaj leteroj. Pluraj centoj da ili flugis tiam de unu lando al la alia kaj nun okupas honoran lokon en muzeoj. Feliĉe pli poste la scienco ekhavis unu komunan lingvon, la latinan. Daŭra evoluo de la scienco estis karakterizata per jenaj novaĵoj, sekvoj kaj reagoj

| Periodo | Scienca evoluo | Scienc-teknika informado | Reago de sciencistoj |
|---|---|---|---|
| XVIII-XIX jc. | Kreskas la kvanto de sciencistoj | Aperas scienc-teknikaj revuoj | |
| de XIX jc. ĝis 1940 | Rapide kreskas la kvanto de sciencistoj, komencas disbranĉiĝi sciencoj. Disvolviĝas naciaj lingvoj | Aperas scienc-teknikaj revuoj en naciaj lingvoj. Aperas tradukistoj de scienc-teknikaj tekstoj | Aperas neceso studi naciajn lingvojn (perdante sufiĉe da tempo) |
| Nun | Granda kvanto da sciencistoj. Aperas centoj da novaj sciencoj, miloj da apartaj temoj | Multiĝas scienc-teknikaj revuoj, kreskas la kvanto de lingvoj, en kiuj ili aperas. Leviĝas la rolo de internaciaj konferencoj | Al pli granda perdo de tempo por studi lingvojn, aldoniĝas perdo de tempo por serĉi necesan informon en la informa oceano. Krute kreskas elspezoj por tradukoj. |
| Iom post nun | Ege disbranĉiĝas sciencoj. Pri la plej multo da scienc-teknikaj temoj okupiĝas po dekkelkaj (dudekkelkaj sciencistoj diverslandaj. | Pli ofte oni limigas sin nur per referaĵoj en referaj revuoj. Alta rolo de internaciaj konferencoj. Leviĝas la rolo de persona korespondado pri tre mallarĝaj temoj. | Oni en laŭtemaj internaciaj sciencaj teamoj interkonsentas uzi nur unu lingvon por la komunikado (korespondado). Aperas unuaj pozitivaj spertoj pri uzo de Esperanto. |
| Post necesa tempo | ~~La tuta informado pasas en Esperanto~~ | La tuta informado pasas en Esperanto, kiu a)dekoble pli facilas ol ajna nacia; b)elprovite taŭgas por la scienc-tekniko. | Sciencistoj krom sia nacia lernas kaj uzas nur la solan internacian - Esperanton. |

Elirante el la supre diŝita, ni, esperantistoj, devas unuavice penetrigi Esperanton en internaciajn konferencojn kaj pleje en interscienscistan korespondadon. Ĉu ni faras tion? Interalie, ne! Almenaû ne en kontentiga grado. La aûtoro de ĉi artikolo trarigardis 29 jarkolektojn de diversaj E-revuoj. El 1-2 miloj da korespondproponoj estas trovitaj nur 43 de tiuj, kiuj petas fakan korespondadon. Inĝenieroj, juristoj, kemiistoj ktp. anoncas sin por korespondi pri io ajn: poŝtmarkoj, bildkartoj, popolaj moroj ktp - nur ne pri sia fako. Kun tia rilato ni povas ankoraû longe teni Esperanton sur hobia nivelo.

La propono de k-do Danovskij kaj parte tiu de k-do Ziskandoviĉ (legu apude) pri kreo de servo, simila al naciaj referaĵaj revuoj estas dume nereala pro tro grandaj forto- kaj financobezonoj. Eĉ la mezgrandaj ŝtatoj (!) ne povas permesi al si lukson havi referan revuon. De alia flanko uzado de Esperanto por faka korespondado ne bezonas multajn financojn (nur reklamon) kaj estas konkondukebla laûgrade.




Konkludo: la internacia esperantistaro devas akceli uzon de Esperanto en faka korespondado. Pri bonaj rezultoj de tio vaste informi en la internacia sciencista mondo. Helpi tion devas kunlaboro de scienc-teknikaj fakoj (Sekcio), nepraj en ĉiu landa E-Asocio.

A.Gonĉarov (Barnaul)

## PROJEKTO DE NOVA BIOLOGIA NOMENKLATURO

En Kalmthout (Belgio) fondiĝis antaû 3 jaroj la Asocio por Enkonduko de Nova Biologia Nomenklaturo, kiu je la 1-a de februaro 1976 havis jam 177 membrojn. La celo de tiu ĉi scienca asocio estas reformi la nomenklaturon de zoologio kaj botaniko, kreitan de C.Linnaeus en la XVIII jarcento. Ĝis nun laû tiu binara linnea nomenklaturo specioj de animaloj kaj plantoj estas nomataj en la latina lingvo. Ĉiu specio havas duvortan nomon, ekz. hundo - Canis familiaris, kato - Felis domestica. La nova asocio iniciatis transformi la sciencajn biologiajn nomojn esperantlingve. La asocio nuntempe uzas por informiloj, korespondado kaj sciencaj eldonaĵoj kvar lingvojn: Esperanton, la anglan, francan kaj nederlandan. Ĉiu biologo, posedanta universitatan diplomon kaj interesiĝanta pri scienca biologia nomenklaturo, povas fariĝi membro de tiu asocio. La dumviva kotizo estas 200 belgaj frankoj aû egalvaloro. Gvidanto de la asocio konata esperantisto, doktoro de zoologiaj sciencoj W.M.A. de Smet. La proponon pri nova biologia nomenklaturo d-ro W.de Smet unuafoje publikigis en Scienca Revuo, vol.22 (1971 jaro) en serio de artikoloj, titolitaj "La nomoj de la cetaceoj."

Sidejo de la Asocio por enkonduko de Nova Biologia Nomenklaturo

estas jena : Hertendreef 12, B-2180, Kalmthout, Belgio.

Informo de prof.J.Dagys (Vilnius)

## PENSOJ POR LA LABORO DE LA SCIENC-TEKNIKA FAKO

Estas konate,ke scienc-teknikaj scioj estas bezonataj al sciencistoj speciale por scienca laboro,por larĝigo de ilia scienca horizonto ktp. Tamen scienc-teknika literaturo en Esperanto tre mankas, eĉ tradukita,ne parolante pri la originala.

Mi opinias,ke paralele kun aperigo de E-terminaroj necesas organizi multenombrajn kontaktojn kun sciencistoj eksterlandaj por ricevadi de ili referaĵojn de ĵus aperintaj verkoj,artikoloj ktp pri la koncerna fako.Estas konate,ke en RJ (Referata Ĵurnalo) ni povas trovi sciigojn pri novaĵoj ne tre baldaŭ post la publikiĝo (oni devas ricevi publikaĵojn,traduki,fari referaĵojn,publikigi en RJ,pro kio perdiĝas tre multe da tempo).

La teknologion de nia laboro ĉi-kampe mi imagas tiel: Ĉiu sciencisto-esperantistotrovas kolegojn en aliaj landoj kaj interkonsentas reciproke interŝanĝi referaĵojn de novaj publikaĵoj en la interesita sfero de scienco.Eble oni interkonsentu sendi referaĵojn al unu centro,ekzemple al la redakcio de Scienca Revuo aŭ Aktuale,kiuj regule publikigus ilin.

Post ricevo de ioma utilo de pli frua konatiĝo kun scienc-teknikaj informaĵoj,oni povas sur fakta materialo turni sin al VINITI, Akademio de Sciencoj k.t.p.

M.Ziskandoviĉ (Novosibirsk)

(de la kompilanto: ĉi artikolo venis paralele al la materialo de N.Danovskij)

## K I O ESTAS S U K

SUK - Someraj Universitataj Kursoj estas asocio sen profita celo,fondita en Belgio en 1972 jaro,kiu orgahizas instruadon de sciencoj en la lingvo Esperanto.

La celo de SUK estas kontribui al aplikado de la Internacia Lingvo en universitata instruado kaj al pliintensigo de la internaciaj sciencaj kaj universitataj rilatoj. Fakte,SUK estas unika eksperimento por modelo de internacia universitato de la estonto. En daŭro de monato okazas studado de diversaj lernobjektoj per Esperanto kiel lingvo,en kiu oni instruas kaj lernas.

La du unuaj sesioj de SUK sukcese okazis somere 1972 kaj 1974 en la Universitato de Liége (Belgio).Tiujn du sesiojn,kiuj enhavis la studdirektojn "lingvistiko"kaj "medicinaj sciencoj" por la unua, "biologio","kemio"kaj "socilingvistiko" por la dua,entute partoprenis ĉirkaŭ cent dek studentoj el 19 ŝtatoj.Instruantaj profesoroj venis el 10 landoj (Argentino,Belgio,Britio,FRG,Francio,Hungario, Japanio,Kanado,Norvegio,Usono).Pluraj tekstoj (jam pli ol dek)de la lekcioj estas ofsete multobligitaj flanke de SUK.

Pro la pozitiva rezulto de tiuj sesioj,estas decidite organizi trian sesion de SUK en aŭgusto de 1976 jaro en la Universitato de Antverpen.La programon de SUK-1976 ni komunikos en la sekva numero de la InFo.

Informo de A.Gonĉarov (Barnaul)

## S C I I G O J

En kadroj de la 35-a Studenta scienca konferenco en Agrikultura instituto de Poltava (14-15-I-76j) studento de II kurso Kolesnik A. elpaŝis pri la temo:"Uzo de Esperanto por sciencaj celoj";la gvidanto-instruisto de la instituto Koĉjovkin V.E.